AE102

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 8/03/2013 Cent-dua Eldono 08/03/2013 SENDITA (unu eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**GRAVAJ DATOJ** vidu **Tamen Plu** redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

"Teologoj opinias, ke vi scias la demandojn sed ne povas kompreni la respondojn. Fizikistoj pensas ke vi scias la respondojn, sed ne povas kompreni la demandojn."
- John D. Barrow Sendis Jonathan Cooper

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel



AŭSKULTU, LEGU

**ESPERANTAN RETRADION** TAGE



Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

Vintra ĝojo - http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Kreskigi-la-lingvon-sen-multe-da-mono

La Esperanta Retradio funkcias ĝis nun sen mono, sed per persona engaĝiĝo de siaj kunlaborantoj. Estus dezirinde ke laŭeble multaj esperantistoj transprenu tiun modelon, ĉar tio plifortigus la multobligan efikon de la agado.
Ni havas ŝancon se ni nur deziras tion kaj engaĝiĝas!

# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj **Allogu vizitantojn**

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Radio Melburno http://esperanto-radio.com/3zzzradio

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato. 11atm
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson 07 3372 7006



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (4a marto estis jara kunveno)



## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
Junaj vizitantoj ĝis 30 jaraj matenmanĝas ĝis $15 ("Rainer Kurz Stiftung zur Förderung des Esperanto")
2/3/13 Venis 6 - Roger, Rainer, Eŭnice, John, Chris, Ian. Rainer reflugis al Germanio poste.



## Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenos Dimanĉon la 24an de Marto 12tm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



## Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ venanta: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com



## La Adelajda Esperanto-klubo.

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



## Adelajda Esperejo

81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h. Vidu, ekzemple, Reunuiĝan Posttagmezon en tiu-ĉi numero de *AE*.

Regule okazas ankaŭ aliaj esperanto-eventoj en la urbocentro de Adelajdo; ekz, jaŭde 10 - 12h ĉe la ŝtat-biblioteko kaj ĉiun unuan merkredon ĉe la skatol-fabriko (18 - 20h).

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Ĉi semajne la estrarkunveno ne okazis.

**Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?**



## Ivan Heldzingen estas treege malsana en malsanulejo. Lin atakas cerba kancero.

Li estis unu el la plej aktivaj Esperantistoj en Aŭstralio. Amikema, saĝa, laborema, amiko de nia Esperanta familio

Ni donas nian subtenon al lia familio dum ĉi tiu malfeliĉa periodo.






Cerba kancero trovita en Decembro 2011

## Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,

Sabaton, la 1an de Junio 2013

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

# Ĉu via Meetup paĝo reklamas lernu?



TAKE THE
POPULAR ESPERANTO CORRESPONDENCE COURSE

**Including Text Book and Dictionary**

at the remarkably low price of TWENTY SHILLINGS, which includes text-book, lesson notes, dictionary, and direct individual tuition by expert (voluntary) teachers.

The whole of the simple grammar of Esperanto is covered and the student who completes the course should acquire a sound knowledge of the language.

*Write now to :*
**The Secretary**
**THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION Inc.**
**140 Holland Park Avenue, London, W.11**
enclosing payment of TWENTY SHILLINGS

*Send stamp for Book List, and details of Groups and representatives throughout Great Britain.*

Leicester Printers Ltd., England.

Angla. Price Threepence

A Key to Esperanto

Esperanto is the international language, created by Dr. L. L. Zamenhof, of Warsaw, and first published in 1887. It is designed for use as the neutral, second language for everybody, *not* to replace the national languages.

At Montevideo, on 10th December, 1954, the General Conference of U.N.E.S.C.O. accepted the following resolution :

*The General Conference, having discussed the Report of the Director-General on the International Petition in favour of Esperanto,*
(1) *takes note of the results attained by Esperanto in the field of international intellectual relations and in the rapprochement of the peoples of the world ;*
(2) *recognises that these results correspond with the aims and ideals of U.N.E.S.C.O.;*
(3) *authorises the Director-General to follow current development in the use of Esperanto in education, science and culture, and to this end to co-operate with the Universal Esperanto Association in matters concerning both organisations ;*
(4) *takes note that several Member States have announced their readiness to introduce or expand the teaching of Esperanto in their schools and higher educational establishments, and requests these Member States to keep the Director-General informed of the results attained in this field.*

This booklet contains the whole grammar and a vocabulary sufficiently large for daily use.

The grammar can be learned in a very short time. Exceptions and irregularities do not exist.

### Ĉu estas bona ekzemplero de „A Key to Esperanto“?

Mi deziras renovigi la libreton kaj uzi ĝin por propagandi Esperanton. Se estas bona ekzemplero, mi fotokopios nur la vortaron kaj la taŭgan informon (se eblas) kaj ĝisdatigos la ceteron. Mi ne deziras pligrandigi la libreton, alie ĝi estus nur alia lernolibro.

Sendu al Roger Springer, 17 Ashburner Street, Manly NSW 2095
rspring@tpg.com.au

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Jonathan Moylan fariĝas 25 jara hodiaŭ, la 3an de marto. Bonan feston al li! Amike, Nicole

Mi ĵus ricevis respondon al mia bondezirmesaĝo al Jonathan Moylan. Amike, Nicole

Dankon Nicole, mi festas kun la birdoj, arbaro kaj pluvo!

Respondo al la skribaĵo de Gordon pri 'kiu ekinteresiĝus pri la lernado de la mongola lingvo post trarigardo de eldonaĵo en la mongola'?
Mi demandas, kiu ekinteresiĝus pri la lernado de la mongola se ĉiuj eldonaĵoj estus dulingvaj? Ĉu ne estas precize post trarigardo de tutmongola eldonaĵo, ke iu ekinteresiĝus pri la lingvo?
Roberto Budzul



## Rainer Kurz. Somero en Aŭstralio



Rainer salutas el Stuttgart

Mi salutas vin ĉiujn el Stuttgart, kiun mi hodiaŭ atingis post tri-monata vizito en Aŭstralio.

Ĉi foje estis mia 13a vizito al Aŭstralio. Ĉijare mi estis ne nur en Sidnejo sed ankaŭ vizitis multajn aliajn lokojn en Aŭstralio:

**Tasmanio:** Dum du belaj semajnoj mi vizitis Launceston, Bichenon, Wineglass Bay, Port Arthur kaj Hobarton. En la ĉefurbo, mi estis gasto de Martin Wechner, kiun mi unue renkontis antaŭ 15

jaroj en Esperantorenkontiĝo en Italio. Preskaŭ ĉiun tagon en Hobarto mi renkontis Robert Budzul kaj lian Esperanto-klubon. Bona surprizo estis ke mi nun ankaŭ trovis Kam-Lee tie kiu ŝoforis min al Huon Valley.

**Kanbero**: Vi vizitis multajn muzeojn kaj biciklumis ĉirkaŭ la lago.

**Snowy Mountains:** Mi naĝis en la Jindabyne-lago, grimpetis sur Kosciuszko-monto kaj loĝis en Queens Cottage (ankaŭ Queen Elizabeth tranoktis tie antaŭ 50 jaroj).



**Hunter Valley**: Mi vizitis samideanon Mazi en Singleton, vestiĝis en strangaj kostumoj kaj trinkis vinon kaj bieron.

En **Sidnejo** mem, mi ĝuis ĉeesti la Manlian Klubon, la kunsidon de la Federacio, la Centran marbordan Klubon, kaj la kunsidojn de la "Language Festival". Mi estis feliĉa ke mi ankoraŭ povis viziti Antonon antaŭ lia morto en la malsanulejoj de Manly kaj Greenwich. Lia entombigceremonio estis neforgesebla.

De **Germanio**, mi elkore salutas ĉiun Aŭstralian Esperantiston, kaj esperas ke mi renkontos vin je mia sekvontsomera vizito

Salutarojn, Rainer

## Komputilo de Margaret Chaldecott



La komputilo de Margaret ĉesis funkcii antaŭ 3 semajnoj (ekde 13a Feb) ĉar, leginte la frazon UPGRADE TO OUTLOOK sur la ekrano. en la maldekstra kolumno kie kutime estas diversaj helpiloj - Contacts, Deleted, Junk ktp., kaj pensante ke ili venis per Microsoft, ŝi malsaĝe respondis.
Ho ve, estis reklameto de usonaj fiuloj kiuj laboras kiel MYTECHGURUS (MTG) sed estas nur krimuloj.
Ŝi skribis al kaj Microsoft kaj Apple pri la afero. Ne venis respondo de Apple, sed viro telefonis de Microsoft en Melburno. Inter ni, ni strebis trovi metodon re-vivigi ĝin
sed nun (5an de Marto) la komputilo estas preskaŭ senutila.

Ŝi prenis la komputilon al Apple en Chatswood 5 tagojn post la krimo, kaj post kelkaj horoj tie, la Genius diris ke li neniam vidis tian problemon antaŭe.
Ŝi povas uzi nur Google.
Volante malfermi konton per Microsoft, ŝi trovis ke ŝia nomo GYMEA ja estas uzata de iu alia persono - sed laborante nur per Google, ŝi ne povis klarigi al Microsoft ke ŝi estas/estis dum jaroj GYMEA.
Alia problemo estas - kio estas/is la pasvorto?
Do, se iu volas/devas skribi al Margaret, uzu la federacian adreson nsw@esperanto.org.au;

"Arto ne estas tio, kion vi vidas, sed tio, per kio vi helpas aliajn homojn vidi."
- Edgar Degas Sendis Jonathan Cooper

## Pri agoj de la antaŭa AEA

Mi dankas vin ke vi finfine publikigis la leteron de Marcel Leereveld. (AE 101)
Mi estas unu el tiuj, kiuj estis eksigitaj de AEA. En mia kazo per simpla letero de la kasisto, Steve Pitney, nome de la plejparto de la estraro, sen esprimo de iu proo ; letero adresita al ambaŭ Bernard Heinze kaj mi, kun resendo de niaj rimedoj por pagi la kotizon (ĉeko/ poŝtmandato tiam perdita, poste retrovita). Marcel bone kaj klare esprimis ankaŭ miajn sentojn. Eĉ homoj, kiujn mi konsideris kiel amikojn faris al mi rimarkojn , kiuj montras ke ili daŭre kredas je la kalumnioj.
Okaze de konflikto politika en iu lando, mi aŭdis analiziston diri ke por havi reamikiĝon inter la du kampoj necesas ke tiuj , kiuj estis viktimigitaj estu certaj ke tio ne plu okazos. Silenti pri la okazaĵoj kvazaŭ neniu konflikto iam okazis ne estas la solvo por atingi repacigon. Necesas iom da kuraĝo por rekoni ke ne ĉies konduto en AEA estis akceptebla. Ne temas nur pri estraranoj.
Mi ne scias ĉu vi publikigos tion. Sed mi dankas vin ke mi povas almenaŭ esprimi miajn sentojn .
Sincerajn salutojn, Franciska

La letero de Moŝto Marcel Leereveld ene de la Novaĵletero 101 rememorigis min pri la sugesto en 2009 de la AEA prezidanto ke Betty kaj mi konsideru realiĝi al AEA. Mi sendas al vi nian respondon. Ĉar la nova estraro ne inkluzivas tiujn kiuj kalumniadis Marcel, Alida, Franciska, Bernie kaj Ajvanon mi realiĝis al AEA por 2013.

Tamen mi konsentas ke iu devos korekti la fuŝojn, la maljustan traktadon de Marcel (kaj la aliaj) antaŭ ol ili eble volus eĉ konsideri realiĝi al AEA.

Amike,

Henry Broadbent 8a marto 2013

## Vortoj de "Lernu"

DOTI
1. Doni doton al iu:
Ili riĉe dotis sian filinon.
2. Havigi iajn kvalitojn:
Naturo lin dotis per granda saĝeco.
Bela vizaĝo estas duono da doto.
Ŝi ricevis multe da dotaj havaĵoj.